emas al metafiziko kaj/aŭ mistikismo, t.e. Debbie Ford, Gary Zukav kaj Esther Hicks. Fine prezentiĝos tri nuntempaj mistikuloj, kies verkoj iel emas ankaŭ al scienco, kaj kiuj prezentas siajn trovitaĵojn surbaze de sciencaj metodoj, t.e. Mikao Usui, inventinto de Rejkio; Miguel Ángel Ruiz, reviviganto de Tolteka Mistikismo; kaj M.A. Taheri, elpensinto de Ringa Mistikismo surbaze de iranaj mistikuloj kiel Rumio kaj Hafezo.

En la konkluda finaĵo, krom konciza entuteca reesprimo de diritaĵoj kaj atingitaj rezultoj, kompara tabelo montros la proksimiĝon de fiziko kaj metafiziko unu al la alia pere de verkoj kaj ideoj de supre menciitaj sciencistoj kaj mistikuloj.

## 2- Historia Aspekto: La Nova Penso

La Nova Penso Movado aŭ Nova Penso estas spirita movado, kiu evoluis en Usono dum la malfrua 19-a jarcento kaj emfazas metafizikajn kredojn.

Ĝi konsistas el loze aliancita grupo de religiemaj nominalaj valoroj, laikaj membro-organizoj, verkistoj, filozofoj, kaj individuoj, kiuj dividas aron de metafizikaj kredoj koncerne la efikojn de:

- pozitiva pensado,
- la leĝo de altiro,
- resanigado,
- vivoforto,
- kreiva bildigo, kaj
- persona potenco.

Ĝi reklamas la ideojn ke "Infinita Inteligento" aŭ "dio" estas ĉiea; spirito estas la tutaĵo de realaj aĵoj, vera homa memo estas dieca, penso estas forto por bono, kaj ke ĉiu malsano originas de la menso, kaj "rekte/ĝuste pensi" havas kuracan efikon.

Kvankam Nova Penso[1] estas nek monolita nek doktrineca, ĝenerale ties nuntempaj anoj kredas ke:

- ilia interpreto de "dio" aŭ "Infinita Inteligento" estas "supera, universala, kaj eterna";
- dieco restas ene de ĉiu persono kaj ke ĉiuj homoj estas spiritaj estaĵoj;
- la plej alta spirita principo [estas] onia amado al aliaj... kaj instrui kaj resanigi tiujn aliajn".

### 2-1- William James pri Nova Penso

William James (1842-1910) estis pionira usona psikologo kaj filozofo, kiu estis trejnita kiel kuracisto. Li estis la unua edukadisto, kiu prezentis psikologian kurson en Usono. Li skribis influajn librojn pri la juna scienco de psikologio, kleriga psikologio, psikologio de religia sperto kaj mistikismo, kaj pri la filozofio de pragmatismo.



**William James, usona psikologo kaj filozofo**

William James, en sia fama ĉefverko *La Variaĵoj de Religia Sperto*[2], priskribis Novan Penson jene:

"... por koncizeco, mi donos la titolon de la 'mens-kuraco'. Ekzistas diversaj sektoj de tiu ĉi 'Nova Penso', por uzi alian nomon por nomi sin; sed iliaj interkonsentoj estas tiel profundaj ke ilia disopinieco povas esti neglektita por mia nuna celo, kaj mi traktos la movadon, sen pardonpeto, kvazaŭ ĝi estus simpla aĵo…."

James diras jene pri la naturo kaj karakterizaĵoj de la Nova Penso:

> "… Ĝi estas optimisma skemo de vivo, kun kaj teoria kaj praktika flankoj. En ĝia laŭpaŝa evoluo dum la lasta kvarono de jarcento, ĝi prenis en sin kelkajn participantajn elementojn, kaj ĝi nun devas esti rekonita kiel originala religia potenco. Ĝi atingis al la etapo, ekzemple, kiam la postulo por ĝia literaturo estas sufiĉe bonega por malsincera materialo, meĥanike produktita por la merkato, por esti laŭ certa mezuro liverita fare de eldonistoj - fenomeno

neniam observita, mi imagas, ĝis religio estas bone preterpasinta ĝiajn plej fruajn nesekurajn komencojn…”

Pri la devenoj de la Nova Penso James kredas ke:

“… Unu el la doktrinaj fontoj de Menso-kuraco estas la kvar Evangelioj; alia estas Emersonismo aŭ Nov-Anglia transcendismo; alia estas Berkeleya idealismo; alia estas Spiritismo, kun ĝiaj mesaĝoj de "leĝo" kaj "progreso" kaj "evoluo"; alia estas la optimisma populara scienco de evoluciismo, pri kiu mi ĵus parolis; kaj, finfine, hinduismo kontribuis multe…”

Kaj fine, li pri la plej ĉefa karakterizaĵo de la Movado esprimas ke:

“…Sed la plej karakteriza kvalito de la Mens-kuraca Movado estas inspiro multe pli rekta. La gvidantoj en tiu kredo havas intuician kredon je la popol-feliĉiga povo de san-inklinaj sintenoj kiel, en la konkera efikeco de kuraĝo, espero, kaj fido, kaj korelativan malrespekton por dubo, timo, maltrankvilo, kaj ĉiuj nervoze antaŭgardindaj statoj de menso. Ilia kredo estis laŭ ĝenerala maniero konfirmita per la praktika travivaĵo de iliaj disĉiploj; kaj tiuj ĉi spertoj hodiaŭ formas amason da kazoj.”

**2-2- Nova Penso: Fruaj originoj**

La plej frua identigebla propagandanto de kio poste konatiĝis kiel Nova Penso, estis Phineas Parkhurst Quimby (1802-66), usona filozofo, mesmeristo, resaniganto, kaj inventisto. Quimby evoluigis kredsistemon, kiu inkludis la opinion ke malsano originas de la menso kiel sekvaĵo de eraraj kredoj kaj ke menso malferma al la saĝeco de dio povas venki ajnan malsanon.

Lia baza trovitaĵo estis tio, ke:

"La problemo estas en la menso, ĉar la korpo estas nur la domo por la menso por en-resti … Do, se via menso estis trompita fare de iu nevidebla malamiko en kredo, vi havas ĝin en la ekstera mondo en la formo de malsano, kun aŭ sen via scio. Pere de mia teorio aŭ vero, mi venas en kontakto kun via malamiko, kaj revenigas vin al sano kaj feliĉo. Tion ĉi certe mi faras parte mense,



**Phineas Parkhurst Quimby (1802-1866), usona filozofo**

kaj parte per parolado ĝis mi korektas la malĝustan impreson kaj establas la Veron, kaj la Vero estas la kuraco. “

**3- Historia Aspekto: La Nova Epoko**

La Movado de Nova Epoko estas okcidenta spirita Movado, kiu evoluis en la lasta duono de la 20-a jarcento. Ĝiaj centraj perceptoj estas priskribitaj kiel "uzado de kaj orientaj kaj okcidentaj spiritaj kaj metafizikaj tradicioj kaj infuzi ilin per influoj de memhelpo kaj motiviga psikologio, holisma sano, parapsikologio, konsci-esplorado kaj kvantuma fiziko“.

La esprimo Nova Epoko estis uzita jam en 1809 far William Blake, kiu priskribis baldaŭan epokon de spirita kaj arta akcelo en sia antaŭparolo al *Milton a Poem* (Milton iu Poemo).

Ĝi planas krei "spiritecon sen limoj aŭ limigaj dogmoj" kiu estas inkluzivema kaj plurisma. Alia de ĝiaj primaraj trajtoj estas "holisma mondrigardo", tiel substrekante ke la *menso, korpo kaj spirito* estas interrilataj kaj ke ekzistas formo de Monismo kaj Unueco en la tuta universo. Ĝi plue provas krei "mondrigardon, kiu inkludas kaj sciencon kaj spiritecon" kaj tiel ampleksas kelkajn formojn de scienco kaj pseŭdoscienco.

**Noto:** ❶- New Thought
❷- The Varieties of Religious Experience

*(La fino de la unua parto)*

# La Nigra Katido

Estis agrabla printempa vespero. Amanto kaj amatino promenis sur strateto manĝante sandviĉon.

“Fi! Kiom malbela estas tiu nigra katido!” Kriis la amatino.

“Sed laŭ mi ĝi estas karesinda besto. Mi ŝatas katidojn.” Kontraŭis la amanto.



“Male mi malŝatas ĉiujn nigrajn vivulojn, speciale katojn. Vi ne rajtas ĵeti por ĝi el via sandviĉo. Ĝi sekvos nin se vi tion faros.”

La nigra katido miaŭetis kaj rigardis ilin kiuj estis malproksimiĝantaj. Ĝi jam naskiĝis antaŭ kelkaj tagoj kaj ĝia patrino, same tute nigra, lasis ĝin sola kaj iris trovi manĝaĵojn. Ŝi tre malĝojiĝis kiam vidis ĝian koloron naskinte sian bebon. Kiel nigra katino ŝi havas multe da problemoj. Unue, preskaŭ neniu homo ĵetas manĝaĵon por nigra kato. Aldone, alikoloraj katoj ankaŭ ne ŝatas nigrajn katojn. Estas malfacile por ŝi trovi seks-kunulon. En la kvartalo kie ŝi vivas, ne ekzistas nigra virkato kaj ne-nigraj virkatoj apenaŭ emas seksumi kun nigra katino!

“Miaŭ! Ĉu via patrino mortis aŭ ŝi estas ne-nigra kaj ŝi forlasis vin por ĉiam?” Demandis griza preterpasanta kato.

“Ne! Ŝi iris trovi manĝaĵojn. Ŝi estas nigra ankaŭ.” Respondis la nigra katido.

Estis frua mateno. Ŝoforo hastis ĉar iom malfruiĝis kaj li devis preni ĉiujn lernantojn kaj alporti ilin ĝustatempe al la lernejo. Subite la akra sono de forta bremsado vekis ĉiujn loĝantojn de la strateto. La ŝoforo, ankoraŭ ne bone vekita, ne vidis nian nigran katidon trapasintan la strateton kaj mortigis ĝin sub la radoj de sia aŭto. Li ne haltis ĉar li ne deziris ke la lernantoj vidu la tragedian scenon. La nigra katido komforte dormis eterne sur la asfalto de la strateto kaj ne spertis la malfacilaĵojn de nigraj katoj.

**Keyhan Sayadpour**

# Strategia plano, ni diskutu!

Hamzeh Shafii

Ni, iranaj esperantistoj, kiuj sentas devon fari ion por pli progresigo de la Movado en Irano, kaj deziras ke irananoj pli konatiĝu kun la lingvo, eble ĉiutage pripensas pri la eblecoj, rimedoj kaj farendaĵoj. Eble ni bezonas plani konkretan ampleksan vojmontrilon por niaj agadkampoj. Tiu ĉi mapo ne estos realigebla sen konsideri limitecojn kaj malhelpojn.

Antaŭ kelkaj semajnoj, okazis kunsido en IREA-Oficejo en kiu estis proponita provizoran planon. Sube vi legos la ĉefajn punktojn de tiu plano. Certe ĝi bezonas pliperfektigon kaj poste aprobon de ĉiuj iranaj esperantistoj por poste efektiviĝi. Ni petas vin skribi pri viaj opinioj, kritikoj kaj proponoj. Tiel nia asocio trovos la ĝustan vojon al evoluiĝo.



**A: Celoj:**

A1- Diskonigi la utiligadon kaj uzad-kampojn de Esperanto.

A2- Uzi la lingvon en ĉiuj kampoj eblaj, de internacia interkomunikado ĝis kulturaj aferoj.

A3- Kunigi samideanoj pri la lingvo internacia, interkonatiĝi kaj kunhelpi unu la alian.

**B: Strategio:**

La strategio devas montri al ni la ating-vojon al niaj celoj. Do, mi proponas jenajn:

B1- Informado por la ekstera Pers-lingva publiko. Tio povas esti aperigo de broŝuroj, reklami en amaskomunikiloj kaj uzi la inter-reton.

B2- Informado pri la aktuala stato de la movado land-nivele kaj mond-skale.

B3- Inform-doni al la interesuloj kiuj jam scias ion pri la lingvo kaj la movado, sed ankoraŭ sentas bezonon por pli scii au komenci lerni ĝin.

B4- Informado pri instruado de la lingvo. Tio devas esti aparte planita por IRLEI, kies celoj kaj strategio kaj laborplano kongruas kun tiu ĉi tereno.

B5- Fortaj Publikaj Rilatoj. Tio vere estas bezonata. Ni devas respondi ĉiujn demandojn, petojn, leteron, retmesaĝon ktp. Tio bezonas organizitan publik-rilaton.

B6- Fondi lokajn filiojn tra la lando. Tiel ni distribuos la laboron kaj progresos.

B7- Disvastigi la agad-kampon al najbaraj landoj. Kunlabori kun najbaraj landaj asocioj.

**C: Labor-plano:**

NIa laborplano helpos nin realigi la strategion kaj estas la praktika parto de tiu ĉi artikolo. Ju pli ĝi estu preciza kaj detala, des pli ni povas esperi pri nia sukceso. Do, mi petas ke ni ĉiuj diskutu ĝin kaj aldonu necesajn agojn kaj/aŭ forigu ne plenumeblajn partojn.

C1- Ni preparu fald-folion pri la lingvo, la movado, kaj nia asocio. Tio estos la starta punkto por prezenti nin. Do, ni ĉiuj kunhelpu prepari ĝin.

C2- Ni planu okazigi regulajn kursojn, Por tio mi sentas bezonon por pli da diskuto pri pliprecizigi la necesajn paŝojn.

C3- Ni okazigu kunvenojn kaj ekskursojn laŭeble por plivigligi nian agadon. MoRo kaj Prelegoj estas tre necesaj, sed ne sufiĉaj.

C4- La komitato vekiĝu kaj pliaktive laboru!

C5- Ni laŭokaze preparu gazetarajn komunikojn kaj klopodu aperigi artikolojn en publikaj ĵurnaloj.

C6- Se ni havus sufiĉe da rimedoj, eble ni dungus personon por oficaj laboroj. Tio vere estas necesa. Pri tio ĉi ni povas pridiskuti.

C9- Ni pli aktive aperiĝu en internacia tereno. Ni regule skribu al esperanto organizaĵoj. Tio ankaŭ estas necesa.

# Insulo "Geŝmo" kiel Geoparko

**Ahmad Modabber**

Insulo Geŝmo en sia jarmila historio memorigas al ni, tri nomojn: Persa Golfo, Markolo de Hormozo, kaj la lando de Irano. Skribi pri tiu insulo estas kaj facile kaj malfacile. Facilas ĉar oni bele priskribis pri la tuto de la insulo kaj malfacilas ĉar apenaux plumo povas ekspliki la mirindaĵojn de la insulo.

Unuafoje ĉi tiu peco de alta lando elvenis el la akvo kaj malsekigis sian belan vizaĝon sub la varmaj sunbriloj de la sudo. Ĝi akiris tre mirindajn diversajn naturojn: valetojn, kavernojn, ebenaĵojn, rokojn, ktp. Ŝtormoj kaj pluvegoj sentime blovis sur la vizaĝo de la bela insulo.






### Geografio

Geŝmo havas formon de delfeno. Ĝi situas sude de marbordoj de Irano en markolo Hormozo en la lazura maro de Persa Golfo. Pli malgrandaj insuloj estas ĉirkaŭ Geŝmo; la plej gravaj insuloj estas Hormozo, Larako kaj Hengamo. Ankaŭ aliaj malgrandetaj insuloj estas en tiu kvartalo kiel insuloj Naz.

La regiono inter la plej malalta tajdo kaj la plej alta tajdo estas 1565 kvadratajn kilometrojn. La longeco de la insulo estas preskaŭ 130 km kaj la larĝeco maksimume 30 km. La ordinara larĝeco estas 10 km. La plej alta punkto en la insulo estas la pinto de Namakdano, kun 397 metroj da alteco, kiu situas en la sudokcidenta parto de la insulo.

La plej malproksima distanco de Geŝmo al haveno Bandar-Abbas estas 22 km, kaj la plej proksima distanco estas 1.8 km de Laft-haveno (en Geŝmo) kaj Pol-haveno.



### Klimato

Geŝmo apartenas al la grupo de la varm-sekaj landoj malgraŭ ties multa malsekeco. La temperaturo en Geŝmo kutime estas inter 22°C kaj 31°C kaj dum la somero pliiĝas al 50°C. La pluvokvanto atingas al 150 mm ĉiujare kiom estas tre malmulta. Du tajdoj okazas ĉirkaŭ la insulo nokt-tage, kies diferenco de la alteco estas 2 ĝis 3 m. La ondoj de maro en Geŝmo estas ofte malpli ol 1 m kaj oni povas diri la maron kvieta; dume videblas iuj ondoj pli altaj ol 3 m ĉe suda kaj orienta marbordoj. Koncentreco de salto en la marakvo ĉirkaŭ Geŝmo estas 35 g/lit. La koloro de la marakvo estas plejparte flav-verda kaj en iuj partoj blua.



### Plantoj

La unua kaj la plejmulte grava arbaro en la insulo estas Harra mar-arbaro, kiu inkluzivas speciojn de mangloarboj, nomita Avicenna Marina (nomita pro Avicenna, la fama irana sciencisto). Harra mar-arbaro kovras 200 kvadratajn kilometrojn de la tuta surfaco de Geŝmo.

Ĝenerale, Geŝmo estas tropika, kaj multe da humideco ekzistas somere

kaj ties surfaco estas plejparte en la formo de dezerto kun mallongaj sporadaj arbetoj.



## Bestoj

Diversaj insektoj, rampuloj, birdoj kaj mamuloj loĝas en Geŝmo. Oni povas trovi inter la mamuloj, gazelon kaj vulpon kaj inter la birdoj la blankajn falkojn kaj pelikanon.

La kvanto de lokaj migrantaj birdoj en la insulo estas 70. Pli ol 50 specioj de kraboj kaj koraloj troviĝas en Geŝmo.

Oni povas ankaŭ vidi tute alispecajn salikokojn, bubojn, histrikojn, kaj markukumojn en la insulo. Specoj de amfibioj ankaŭ povas troviĝi en la Harra arbaro. La diversaj fiŝoj en la maro de la insulo estas tre multaj. Inter ili estas specoj komercaj kaj ornamaj kaj ankaŭ ŝarkoj, delfenoj kaj balenoj.



## Geoparko

Kio estas Geoparko? Laŭ Uneska difino, geoparko konsistas el kelkaj belaj kaj geologiaj fenomenoj kaj estas ne nur de geologia signifo sed ankaŭ de ekologia, historia aŭ kultura valoroj. Geoparko ne nur estas pri rokoj kaj ŝtonoj kaj lokaj pejzaĝoj sed ankaŭ pri homoj, kulturoj, artoj, kaj historioj (Chris Woodley -Stewart, Geoparko Manaĝero, Norda Pennines AONB, Britio). La Tutmonda Reto de Naciaj Geoparkoj kiu estas helpita de Unesko en 2004, formas platformon de aktiva kunlaboro inter fakuloj kaj praktikistoj en geologia fenomeno.

.



## Geoparko de Geŝmo

Ekde 2004, oni elektis 53 naciajn geoparkojn el 17 landoj (Aŭstrio, Brazilo, Ĉinio, Kroatio, Ĉeĥa Respubliko, Francio, Germanio, Grekio, Irlando, Italio, Irano, Malajzio, Norvegio, Portugalio, Rumanio, Hispanio, Britio) kiuj estas aktualaj

Sur baze de difino de geoparko, ni povos konsideri Geŝmon kiel granda geoparko aŭ kolektoj de kelkaj geoparkoj. Uneska Tutmonda Reto de Geoparkoj elektis la insulon Geŝmo kiel sian membron la 21-an de marto, 2006. La geoparko estas en la okcidenta parto de la insulo kaj kovras pli ol 32000 hektarojn. Geoparko en Geŝmo havas ok partojn:

1. Dare Setare Oftade
2. Dare Kurkura Kuh
3. Bame Geŝm
4. Dare Tandisha
5. Dare Ŝur
6. Ĉahkuh
7. Gonbade Namaki
8. Dulab



## Referencoj


1. Elyasi J. Amin Sobhani . Behzad . Moeen Vaziri H.Meysami, 1355. Geologio de Hormoz Insulo, Geologio Grupo - Tarbiat - e - Mualem Universitato.
2. Haghipoor, 1374. Geologia Esplor kaj Minado Esploradoj en Qeshm Regiono, Ministerio de Minoj kaj Industrioj.
3. Alireza Amrikazemi, 2005. Geotourism Atlaso de Qeshm, Eldonejo: Nacia Geoscience Datumaro de Irano kaj Geologia Enketo de Irano.
4. http://www.unesco.org/science/earth/geoparks.shtml


**Rakonteto** ☺

## Genio

En granda kompanio kiu produktis tualetaĵojn, oni ricevis plendleteron. Iu skribis ke aĉetis tualetan sapon sed post malfermi la koverton de la pako, ĝi estis malplena.

Tuj la respondeculoj de la kompanio ordonis la inĝenier-grupon de koncerna fabriko por solvi la aferon kaj ne plu okazon. Post tagnokta penado la menciita grupo raportis: la monitrado de pakita linio per sistemo de X-radio kaj monitoroj fort-rezultaj baldaŭ estas aĉetotaj. Poste ankaŭ du personoj konstante estos ĉe sistemoj kaj kontrolos la maŝinojn ĝisbari la pason de eventualaj malplenaj paketoj.

Ankaŭ en iu el aliaj malgrandaj produktaj laborejoj same okazis, sed tie iu ordinara ne specialista oficisto solvis problemon pli simple kaj malpli multekoste. Li metis elektran ventumilon apud pakita lino kaj tiele la vento forĵetis malplenajn paketojn.

***De: Rakontisto***

# Metroo

***(Parto 1: Sociologie en Irano)***

**La unuaj impresoj**

Imagu ĉi tiun pordon la ŝovpordo de la vagonaro.




Jen la vagonaro kiu proksimiĝas de la malproksimo. La pasaĝeroj sinpretigas. Baldaŭ komenciĝos konkurso (se estas la unua stacio la konkurso pli rivala).

Mi ne scias la nomon de konkurso, eble "unu seĝomanka" ludo, t.e. multenombraj homoj volas sidi sur malmultenombraj seĝoj.

Vagonaro venas kaj haltas, kaj la konkursantoj atendas aŭdi la pif-on por komenci konkurson de seĝ-kapti, kaj sidiĝi. Dum malpli ol unu sekundo.



Se vi tiam rigardos la vizaĝojn de la venkintoj (sidintoj) vi povas vidi kontentecan, ruzulan rideton kaj eble ankaŭ honteman sur iliaj lipoj kaj okuloj. Stranga sceno, Vere.

Mi mem iam estis inter tiuj konkursantoj kaj mi estis malkovrinta aŭ inventinta venko-rimedojn por mi mem. Mi estis profesiulo.

❋❋❋❋❋

Nu, la historio pri la kaŭzo por komenci ĉi tiun serion da skribaĵoj estas ke mi en tempodaŭro estis devigita veturi ĉiumatene de Karaj al Tehran pro iu 6-monata laboro.



En tiu daŭro mi estis atestanto de ordinaraj kaj eksterordinaraj okazintaĵoj en la metroo. Sur la kajo, sur la ŝtuparoj, ĉe la biletgiĉeto, en la trajnoj k.t.p.

Mi komencis skribi kelkajn blogerojn kaj kiam mi legis por mia etfranjo, ŝi ege ĝojis kaj ridis. Ĉar tiuj okazintaĵoj estis ridindaj. (mi rakontos al vi kelkajn)

Nu, mi estis iomete spicinta tiujn skribaĵojn, sed la scenoj, kiujn mi priskribis, mem estis ridindaj kaj jen ili estis specimenoj de la popolkondutaro. Individuaj kondutoj, kiuj formas fasadon de iu el la facoj de la socia vivo kaj kulturo.

Nu, se mi ne volu prezenti statistikajn vicojn da nombroj kaj ciferoj. Oni diras ke la firmao de Metroo en Irano fondiĝis antaŭ la revolucio, mi ne certas ĉu 32, 33, aŭ 34 jaroj antaŭe. Entute ne gravas. Kaj la planoj por la metroo estis preparitaj antaŭ multaj jaroj.

Mi memoras tiun tagon, en kiu, unu tagon antaŭe mi informiĝis pri ĝia ekfunkcio, kelkaj amikoj diris ke ili iros por la inaŭguro, sed mi verdire timis iri, pro la nekonfido: Ĉu la tuneloj kolapsos aŭ ĉu la trajnoj elreliĝos, kaj pro aliaj ĉu-oj nedirendaj. :-).

La irintoj revenis kun steloj en la okuloj, magiitaj, kaj ili multe laŭdis pri ĝia imponeco kaj pureco kaj fremdeco, fremdesko aŭ eksterlandeco.

Nu, mi ne rememoras unuafoje kiam iris al metroo, sed mi bone rememoras la etoson.



La koloseco de la konstruaĵoj de la stacidomoj, la ŝtuparoj, la biletgiĉetoj. Ĉio ĉi sorĉis min. Kaj ankaŭ la vagonaro. Ĉiuj tiuj aferoj donis al mi ian impreson de admiro al la konstruintoj kaj fremdan etoson al la tuto de Metroo.

**La popolo**




Nu, ĉiu komuna konstruaĵo akiras sian signifon en la rilato kun la popoloj. Kaj ekz. se oni konstruas imponan konstruaĵon kaj la popolo ne ŝatas ĝin aŭ la konstruaĵo ne estas konvena por la uzado, kompreneble ili ne estos sukcesaj.

Unuavide en la okuloj de la popolo estis la brilo de ĝojo. Ili rigardis la ĉirkaŭon kaj ĉe si adoris la novebakitajn konstruaĵojn.

Ili havis ian senton miksitan de la timo, miro, ĝojo kaj plezuro.

En la unuaj tagoj la metroo estis tre maltumulta kaj mankis homoj en ĝi.

Ni imagante komencu veturon kiel pasaĝero, kiu veturas ekz. el Karaj ĝis la oficejo de Esperanta asocio en Tehran.

**1. Antaŭ la stacidomo**



Antaŭ la stacidomo vi eltaksiiĝas kaj iras al la stacio, se ne estas la tempo de trajn-alveno, ne estas tiom da problemoj. Sed se ĝuste samtempe alvenas trajno el Tehran, vi havas problemon en trovi vian vojon al la biletgiĉeto.

La popoloj, kiuj jam alvenis, de ĉiuj direktoj venas kaj vi ne scias de kiu flanko trovi vian vojon. Ili ankaŭ ĉi tie sentas ian rivalecon por disponi taksion. Vera ĥaoso.

Ankaŭ estas homoj de via teamo (tiuj, kiuj volas veturi al Tehrano) kiuj kuras por akiri la ĵusvenintan trajnon.

Iu interesa afero estas en tiu konduto, ke tiu kurado kaŭzas ian publikan reagon. T.e. kiam ili vidas vin kuranta, ili ankaŭ komencas kuri. Nu, ĝi estas ia pulika konduto.

Mi pensas ke la popolo en la publikaj lokoj, precipe tumultaj lokoj, sentas timon en si por ne perdi sian rajton aŭ ne malvenki.

Tiu komuna (publika) reago mem povas esti utila en la kontrolado de la socio. Nome la publiko mem donas itineron kaj prototipojn kondutajn al aliaj kaj la vivo glate iras.

**2. En la salono**

En la salono ankaŭ ekzistas tiaj menciitaj okazaĵoj. Granda larĝa salono, alta plafono kaj iomete luksa. Planko el la nigra marmoro beligas la salonon.

**3. Antaŭ la biletgiĉeto**

Antaŭ la biletgicĉeto ne gravas tumulton aŭ maltumulton. Ĉiuj volas mem pli frue ol la aliaj akiri bileton. Ili timas la perdon de la trajno, pro tio ne pensas pri la aliaj.

Ofte formiĝas 2 aŭ tri vic-linioj. Iuj zorgas pri la vico, sed por iuj aliaj ne gravas vico kaj preteriras por aĉeti bileton senvice. Pro tio ke estas nur malgranda truo, kaj 10 manoj samtempe volas sinŝtopi en tiu malgranga aperturo. Karambolas la manoj tie. Kaj imagu la bilet-vendiston kiu devas respondi (preni la monon, doni la bileton kaj repagi la reston, mi mem ankoraŭ ne komprenis kiel li/ŝi pasis de tiu mallarĝa malfermaĵo) tiom da hastajn manojn.

Multfoje mi vane protestis al la neobservado de la popoloj en tiu loko.

**4. Pasaparatoj (bariloj)**

La memdecidaj pasaparatoj mem decidas permesi vin pasi aŭ ne. Eble ili ankaŭ protestas aŭ eble ili estas ebriaj.




**5. La gardistoj aŭ zorgantoj ĉe la pasaparatoj**

La kondutoj de la gardistoj ĉe tuj pasaparatoj estas hontigaj.
-Venu de ĉi tie.
-Ne, sinjoro, iru malantaŭen, ahha...
-Patro, Nĉo...

kaj tiel plu

**6.Ŝtuparoj kaj elektraj ŝtuparoj**

En la unuaj jaroj ne ekzistis elektraj ŝtuparoj, sed ordinaraj ŝtuparoj.

Ion entute mi diru pri la koliziado de la rigardoj. Ĉie en la civilizta mondo kiam du rigardoj kolizias la mienoj ridas unu al alia, sed en Irano oni firmigas la trajtojn kaj acidigas la vizaĝon kaj paŭtas unu al alia. Strange. Ĉu ne?

Sur la pavimoj en koridoroj, kaj entute en ĉiuj lokoj kies mallarĝeco devigas onin observi zorge pri pasado, oni devas pasi el la dekstro de la pasejo. Unu el tiuj pasejoj estas la ŝtuparo, kaj oni povas diri ke ĉ. 90% de la homoj ne observas. Ili kuras, aŭ tre malrapide mal/supreniras ĉiuj laŭ siaj stiloj. Maldekstre, dekstre ne diferencas. Ili nur volas ating la trajnojn, nur.

Sur la elektraj ŝtuparoj mi aŭdis ke oni devas stari dekstre en unu vico, por ke la hastaj personoj pasu. Sed oni senkiale koleriĝas pro la hastaj personoj. Ĉial ajn, iuj hastas, do ni devas permesi ilin pasi.

Ankaŭ la kondutoj de tiuj, kiuj timas de la elektraj ŝtuparoj estas ridindaj. Ili venas al la ŝtuparo timeme. La akompanoj helpas ilin kaj se ili eraras ĝuste meti sian paŝon. Kelkaj ŝirkrias kaj kaŭzas la ridon de aliaj.




Denove ĉi tie observi la vicon estas grava. La popolo tumulte iras al la elektraj ŝtuparoj kaj kaŭzas problemojn. Sed por ke ili movas kaj oni ne havas multan tempon ĉe la ŝtuparoj, la problemoj frue solviĝas kaj la movo daŭrigas.

Rigardo-manĝi: (Rigardo-manĝi estas tre vasta ĉapitro kiun mi pridiros en la trajnoj).

**7. Sur la kajo**



Ĉe la ŝovpordo de la interurba duetaĝa vagonaro:

Laŭ la tempo la kondutoj diferencas. Fruaj matenoj, kiam la laborantoj iras al siaj laborejoj en Tehrano tie estas katastrofa ĥaoso.

Multaj laboristoj laboras ekz. kiel tajloroj, ŝuistoj ktp en la bazaro de diversaj aĝoj.
La pli aĝaj estas trankvilaj sed la junaj formas

amikajn rondojn kiuj gardas sian grupon. Ili venas grupe aŭ sintrovas sur la kajo. Pro la juneca energio kaj ankaŭ pro la sinergio ili komencas interparoli, interŝerci kaj konduti vigle laŭtbrue, kaj ridegante.



En tiaj grupoj ofte unu fariĝas la ĉefo, kiu havas la arton kontroli la aliajn, dolĉe paroli, ridigi kaj laŭokaze kverelante kun aliaj popoloj, lerte kaj elokvente respondi kaj venki en la disputado. Eĉ esti lerta en probablaj bataloj.

Svarmas la pasaĝeroj antaŭ la pord-lokoj por ke la vagonaro venu kaj komenciĝu la antaŭe menciita konkurso. Sed ĉi tie proporcie laŭ pli granda dmensio.

La vagoaro alvenas kaj kaŭzas ondon en la svarmo de la popolo. En tiu tempo aŭdiĝas ia ne harmonia bruado el la popolo: Ne puŝu, Sinjoro; Ho, ne puŝu; Kion vi faras?

Puŝo malantaŭen kaj poste puŝo antaŭen kaj dum unu, du sekundoj la popolo entrajniĝas per la forto, frapoj, batoj kaj bari unu la alian.

En la interurba vagonaro depende de la horo kaj de la tumulto de la pasaĝeroj vi sukcesas havi sidlokon aŭ ne. Ĉar en horoj pro la tumulteco vi eĉ ne sukcesas eniri en la vagonaro kaj vi devas resti surpiede en la enirejo kaj… .

Nun komenciĝas la laŭteparoloj, kaj ridoj kaj pajacadoj kaj tiel ĝeni la popolon per la grupoj antaŭe mi menciis, iel diri la huliganoj, sed mirige ili estas laboristoj, ne huliganoj kaj tiele vidiĝas ke la limo inter la popoloj estas diafanj. T.e. la homoj eble mem ne scias kiaj homoj ili estas kaj kiel ili devas konduti.



Mi miras, vidante tiun saman konduton de la studentoj. Ekz. triope ,kvarope aŭ pli ĉirkaŭsidas kaj tre laŭte interbabilas (interkrias). Eble la knabinoj por allogi la knabojn kaj la knaboj por allogi la knabinojn.

Tre malofte vi vidas junulon kiu stariĝas por doni sian lokon al maljunulo. Eble krom se la maljunulo estos tre kaduka.

**8. La rigardo-manĝi**

Pro la stato de la seĝoj la bazaro de la rigardmanĝantoj estas varma. Mizeriĝas se bela virino sidiĝos antaŭ tia viro. Ŝi entute manĝiĝas ĝis la destino.
(la unuokula viro)

**9. La demetado de la ŝuo**

Vi estas trankvile sidanta sur la seĝo kaj pensas pri la beleco de la vivo kaj vi spektas la arbojn kaj la florojn, kiuj pasas de antaŭ viaj okuloj.

Abrupte vi sentas ian tre malbonan odoron de putritan karnon kaj pro la denseco de tiu malbonodoro eĉ vi ektusas.

En tiaj kazoj vi havas du rimedojn, aŭ protesti aŭ fuĝi laŭ la lumrapido. Mi mem preferas la duan.

**10. ….**

Vi vidas du junulojn tie samseksaj aŭ malsamseksaj, kaj ili emas samtempe aŭskulti muzikon. Nu, ili aŭdigas ian nuntempan kantiston ili aŭskultas (Fifi, Ŝuŝu, Andi, aŭ mi ne scias...)

**11. Kolportistoj**

La afero de la kolportistoj estas alia rakonto. Nu, ilin arestas la gardistoj en la stacidomoj, sed ili sinkaŝas kaj forkuras.

Ili venas per malbonaj korŝiraj voĉoj propagandas siajn varojn.

Se vi estas sida, tiom ne gravas sed se estos tumulta kaj vi estas stara, tiam kaŭzas problemo. Ili venas kaj iras, iras kaj venas.




**Verkis: Mahmud Mirbozorgi**
**Fotoj: Hasan Mousavi, Fars Novaĵ-Agentejo**

# *Denaska Parolanto*

**Elham Khanian**

Ĉi tiu mallonga artikolo diskutas pri la koncepto de la Indiĝena aŭ denaska parolanto. Estas unu demando: Kiu estas indiĝena parolanto? Ĉu tiu estas kun ni de naskiĝo (nasko) aŭ estas akirebla? En ĉi tiu artikolo, ni klopodas proksimiĝi al la respondo.

Difino de la Indiĝena aŭ denaska parolanto ne klariĝas. Tiu koncepto (Indiĝena parolanto) ludas ege gravan rolon en aplika lingvistiko. Ferguson rimarkas: Lingvistoj donas specialan lokon al la indiĝenaj aŭ denaskaj parolantoj, ĉar ili provizas verajn, profitajn, kaj grandvalorajn informojn de lingvo (Ferguson, 1983). Noam Chomsky kredas, ke ĉiu estas Denaska parolanto de la individua lingvo, ke kreskas en lia/ŝia menso aŭ cerbo. La distingo inter la indiĝena parolanto kaj ne indiĝena parolanto ne estas evidenta kiel la diferencoj inter la seksoj estas evidenta. Tiu tute ne estas genetika diferenco, sed diferencoj inter la seksoj estas genetikaj. Se ni akceptas la modelon de Universala Gramatiko laŭ Noam Chomsky (1957), la diversaj lingvoj estas la samaj lingvoj kaj ili similas unu al la aliaj. Do de ĉi tiu vidpunkto tutaj lingvoj malsamas esence pri vortaroj. Tiu signifas, ke ĉiuj homoj havas gramatikon en siaj mensoj, ĉar ili konas almenaŭ unu lingvon. En ĉiuj lingvoj gramatiko estas simila ekzemple en ĉiuj lingvoj ekzistas verboj kaj objektoj. Do, ĉiuj homoj nur bezonas lerni novajn vortojn en alia lingvo.

La indiĝena aŭ denaska parolanto estas difinita per ses konceptoj (Davies 1991, 2003):

1. La denaska parolanto akiras la unuan lingvon en infanaĝo.
2. La denaska parolanto havas intuiciojn pri lia/ŝia idiolekta gramatiko.

3. La denaska parolanto havas intuiciojn pri trajtoj de la gramatiko de la standarda lingvo, kiu diferencas de lia/ŝia idiolekta gramatiko.
4. La denaska parolanto havas unikan kapablecon por produkto de la flua spontana prelego (Pawley kaj Syder, 1983).
5. La denaska parolanto havas unikan kapablecon por skribo kree (kaj ĉi tiu inkluzivas, la literaturo de la ĉiuj niveloj de la ŝercoj al epopeo, kaj de la metaforoj al la romanoj).
6. La denaska parolanto havas unikan kapablecon por interpreto kaj traduko al la unua lingvo (la indiĝena lingvo).

Ni konkludas, ke la koncepto de denaska parolanto restas ambigua. Estas multaj difinoj pri tiu koncepto, sed ne nur difino estas kompleta kaj ĝusta. Finfine, la adolta persono povas esti aŭ fariĝi Indiĝena aŭ denaska parolanto, se havos iun el subaj principoj:

1. denaska parolanto per naskiĝo, (tio signifas, ke la persono lernis la lingvon, ĉar la persono lernis la lingvon en infanaĝo senkonscie).
2. denaska parolanto, ĉar estas indiĝena uzanto.
3. denaska parolanto (aŭ indiĝena simil-parolanto) kiam la lernanto esceptas.
4. denaska parolanto tra edukado en la lando, kie oni parolas la specifan lingvon.
5. denaska parolanto tra longa loĝado en la alia lando.

## Referencoj


1. Guy Cook, Barbara Seidlhofer(1997) Principle and practice in applied linguistic, (Angle)
2. Alan Davies (1997) Proficiency or the native speaker (Angle)
3. Alan Davies (1991) The native speaker in Applied Linguistics, Handbook of Applied Linguistics, New York. (Angle)
4. Paikeday, Thomas M. (1985) The Native Speaker is Dead! Toronto and New York: Paikeday




